# Esperanto en Azio

n-ro 20
1995-2
oktobro 1995

*Bulteno de UEA pri la Azia Esperanto-Movado*



**eldonas:** Komisiono pri Azia Esperanto-Movado, prezidanto: TAKEUTI Yosikazu / ĉe Japana Esperanto-Instituto, Waseda-mati 12-3, Sinzyuku-ku, Tokyo, 162 Japanio / Tel: +81-3-3203-4581, Telefakso: +81-3-3203-4582

**redaktas** DOJ Ĉieko kaj Hirokaz, Niŝiŝiba 4-17-9, Kanazaŭa-ku, JOKOHAMO, 236 Japanio / Telefono kaj telefakso: +81-45-785-5458

## enhavo

# • Ni marŝu por niaj morgaŭaj tagoj

*TAKEUTI Yosikazu, prezidanto de KAEM*

La establo de Komisiono pri Azia Esperanto-Movado (KAEM) estas granda paŝo por plifortigi la kunlaboron de esperantistaj organizaĵoj kaj individuoj en ĉi tiu mondparto, kie konstante progresas la penado de samideanoj sukcese apliki nian lingvon al la aktualaj postuloj kaj bezonoj de la popoloj en diversaj kampoj. Fakte tiu penado ankaŭ kulturas en la koroj de civitanoj de aziaj landoj la humanan senton interkompreni unu la alian surbaze de la certa konscio pri la digneco de la fundamentaj homaj rajtoj, precipe de la lingva egaleco. Starante sur la nuna atingo de azia Esperanto-movado, mi devas antaŭ ĉio esprimi mian koran dankon al d-ro So Gilsu, eksa estrarano de UEA pri azia agado, sen kies iniciata klopodo ni ne vidas tiajn belajn fruktojn en la azia esperantujo, kiujn ni nun fakte konstatas. Post la demisio de d-ro So, KAEM, la oficiala instanco de UEA pri azia agado, transprenis sur sin la respondecon enradikigi nian lingvon en la vasta socia tavolo de ĉiuj aziaj landoj kaj pruvi la tutmondecon de nia movado lige al la samideanoj de la mondo. Ni estas mem konsciaj pri nia tasko donita de vi, aziaj samideanoj kaj atendas de vi sincerajn konsilojn kaj helpojn.

Kiel estas jam informite, la 1-a Azia Kongreso de Esperanto okazos en Ŝanhajo, Ĉinio, venontjare de la 22-a ĝis la 25-a de aŭgusto. Ĝi estos la unua granda renkontiĝo de aziaj esperantistoj oficiale subtenata de UEA kaj ĝiaj landaj asocioj. Kaj cetere la okazigo

## • Projektoj por Azia Movado A, B, C, Ĉ, D (koncize)

*Projekto A: Kunlaboro de aliĝintaj landaj asocioj*

- *A-1: Regule kunveni en ĉiu UK*
- *A-2: interŝanĝadi informojn regule*

*Projekto B: Sendi kompetentajn instruistojn al landoj kie ne ekzistas la movado aŭ kie estas bezonataj altanivelaj instruistoj pri Esperanto*

*Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA*

*Projekto Ĉ: sendi aziajn aktivulojn al progresintaj landoj*

- *Ĉ-1: studvojaĝoj en aziaj landoj (Japanio kaj Koreio)*
- *Ĉ-2: studvojaĝoj en eŭropaj landoj*

*Projekto D: helpi pri E-libroj*

- *D-1: eldono de necesaj libroj*
- *D-2: transdoni librojn de donacantoj al aziaj E-kluboj, asocioj kaj individuoj, kaj alvokoj al ĉiuj esperantistoj kaj E-organizoj*

de la Kongreso en Ŝanhajo havas aparte gravan signifon, ĉar tiu kongresurbo entenas profundajn travivaĵojn en sia historio ankaŭ rilate al la Esperanto-movado, kaj lokaj samideanoj nun staras antaŭ la serioza problemo ĝuste kaj saĝe trabati sian estontecon en la politiko "reformo kaj malfermo". Kaj en Kongreso nin atendos multaj diskutendaj aferoj, kiujn malfacile alfrontas aziaj esperantistoj.

Kiel unu el la iniciatantoj de la Kongreso, KAEM ne ŝparos sian forton por aranĝi laŭeble favoran cirkonstancon por ĝia sukceso. Viaj iniciataj kaj liberaj kunlaboroj estas atendataj. Ni marŝu, samideanoj, brako en brako por nia komuna afero en la morgaŭaj tagoj kaj en la 21-a jarcento.

## • *Salutas la eksa eldonanto*

### *Konstruu novan movadon sur ĝisnuna bazo!*

**– 3 jarojn plus 3 jaroj dum 6 jaroj mi min okupis por Azia Agado de UEA kiel estrarano –**

Kiam mi eklaboris por mia ofico, unue mi renkontis ian malsaman koncepton pri la devo de estrarano de UEA. Antaŭe mi pensis, ke estrarano laboras por disvastigi Esperanton, sed estraro efektive laboris por servi al nur aliĝintaj membroj al UEA. Kiam mi partoprenis en estrara kunsido, mi ne havis multon direndan, ĉar 10 minutoj sufiĉis por diskuti azian movadon dum mi devis lukti duonan tagon kontraŭ financa problemo de UEA, kiun la koncerna oficisto de C.O. pli bone scias ol estraro. Mi trovis la bezonon aparte projekti por plibonigi nian movadon en Azio. Kompreneble en estraro troviĝas respondeculo pri regiona agado. Tamen li ne aktive memprojektas la movadon en diversaj landoj kaj kontinentoj, sed li nur enketas kaj respondas la dezirojn de landaj asocioj. Iam en estraro ni diskutis, ke estraranoj respondecu respektive unu kontinenton, sed bedaŭrinde la propono ne estis akceptita.

6 jaroj estas ne mallonga tempo, sed mi ne povis multon fari. S-ro Yosimi Umeda, kiu estis estrarano pri Azia Agado, sukcese vekis apartan atenton pri azia movado, kaj mi intencis starigi sisteman bazon sur la atmosfero. Kaj por tio mia agado dum 6 jaroj daŭris surbaze de 5 projektoj, kiujn vi jam bone scias.

Projekto A: Mi ne sukcesis multon en la kadro de Projekto A, sed mi sukcese okazigis en ĉiu UK la kunvenon de landaj asocioj, kaj fine naskiĝis KAEM (Komisiono pri Azia Esperanto-Movado) en la Seula UK surbaze de la kunsidoj.

Projekto B: Principe mi rekomendis interkonsenton inter instruisto kaj lokaj Esperanto-grupoj, kaj UEA pagu nur veturkoston de la instruisto, sed mi proponas, ke KAEM strategie planu laŭjaran projekton por la lando, kie ne troviĝas nia movado kontraŭ

plena pago de instruisto.

Projekto C: Estis plej sukcese. Ĝi vekis plej grandan atenton de kandidatoj kaj donacemuloj.

Projekto Ĉ: Karavano al la Seula UK estis la kulmino de la projekto. Mi multe klopodis por sendi azianojn al UK en Eŭropo, sed ni malofte sukcesis pro la manko de respondeculo en Eŭropo, kiu plene okupiĝas por terure komplika kaj malfacila tasko, ekz. pri viza problemo. Karavano al Seula UK pruvis, ke inviti al aziaj landoj estas ankaŭ tre efike.

Projekto D: Tiu ĉi projekto certe helpos por estonta movado per la eldono de lerniloj kaj vortaroj.

Dum 6 jaroj mi havis la revon eldoni gvidlibron pri Esperanto-movado en Azio, per kiu ni havu ĝeneralan rigardon de nia movado en Azio, per kiu ni planu longdaŭran projekton por disvastigi nian movadon en Azio, kaj per kiu ni donu la mapon al alikontinentanoj, kiuj vojaĝos al Azio. Kaj fine mi sukcesis finredakti, kaj ĝi eldoniĝos en oktobro. Mi ŝuldas multan dankon al s-ino DOI Ĉieko, kiu bonvolis okupiĝi pri tio dum plenaj du jaroj. La gvidlibro estas la firma bazo por tiuj, kiuj transprenos la devon konstrui fortikan domon sur la bazo.

La plej forta helpo por nia agado estis senĉesa eldonado de la Bulteno de UEA pri la Esperanta movado en Azio *"Esperanto en Azio"*. La bulteno estis la ligilo ne nur inter aziaj esperantistoj sed ankaŭ inter azianoj kaj alikontinetanoj. Ĝi estis la placo, kie azianoj diskutis por komuna celo, kaj nun ni trovas, ke tio estas valora arkivaro de nia movado en Azio. Mi dankas al la redaktoroj, s-ro Joakimo Verdeno kaj ges-roj Doi.

Ĉe la fino mi esperas kaj kredas, ke KAEM respondos pli efikan kaj bonan ol mi. Mi dankas ĉiujn, kiuj helpis min, kaj pardonpetas al tiuj, kiuj havas malkontenton je mia agado. Mi ne malaperus el la fronto de nia movado, sed mi sekvus la modestan sintenon de Zamenhof, kiu ne sidis sur la podio, sed inter aŭskultantaro dum la UK.

Adiaŭ ĝis revido

SO Gilsu

*ROK 158 600, Yangchon P.O. Kesto 11, Seoul, Korea Respubliko*

*hejma telefono kaj telefakso: +82-2-646-5413*

## *1. projektoj*

D-ro SO Gilsu, la eksa estrarano de UEA, starigis projektojn por Azia Movado A, B, C, Ĉ, kaj D, kaj nia Esperanto-movado en Azio havis bazon sur ĝi dum ses jaroj. En la lasta jaro en la Seula UK fondiĝis KAEM (Komisiono pri Azia Esperanto-Movado), kaj ĝi decidis okazigi la Unuan Azian Kongreson en 1996 en Ŝanhajo. Ĉi-jare finiĝis la

oficperiodo de d-ro So, kaj KAEM transprenis liajn taskojn. Ĝi decidis pristudi la projektojn dum unu jaro kaj fari laborgrupon dum la Unua Azia Kongreso.

Do, en la nuna momento la projektoj estas pendantaj. Tamen necesas prizorganto precipe pri la projekto C: "aligi aziajn aktivulojn al UEA".

Do, kiel ĝis nun, se vi volas aliĝi al UEA, sendu provizore al KAEM de KAEM, jenajn skribojn kompletajn:

1. Konciza sinprezento
2. Kiel mi aktivis por nia movado en 1995?
3. Kiel mi bonigis la movadon en mia regiono?

Nepre sendu kompletajn skribojn. Ankaŭ tiuj, kiuj aliĝis ĉi-jare, devas sendi. Se ne, via membreco ne daŭros en 1996.

KAEM, ĉe Japana Esperanto-Instituto, Waseda-mati 12-3, Sinzyuku-ku, Tokyo, 162 Japanio / Tel: +81-3-3203-4581, Telefakso: +81-3-3203-4582

## 2. *raporto de KAEM*

### 2.1 *Preparkunsido por la 1a Azia Kongreso*

- **dato:** 1995-05-20/21
- **loko:** Internacia Centro por Kultura Interŝanĝo, Ŝanhajo, Ĉinio
- **ĉeestantoj:** TAKEUTI Yosikazu (ĉefkomitatano de KAEM, Japanio)
  Puramo CHONG (ĝenerala sekretario de KAEM, Koreio)
  Zou Gouxiang (membro de KAEM, ĝenerala sekretario de ĈEL, Ĉinio)
  Wei Yansu (prezidanto de Ŝanhaja Esperanto-Asocio kaj de LKK)
  Wang Minhao (ĝenerala sekretario de ŜEL kaj de LKK)

#### 2.1.1 *Kongresa dato: la 22-25, aŭgusto 1966*

#### 2.1.2 *Kongresejo: Ŝanhaja Universitato pri Internaciaj Studoj*

#### 2.1.3 *Kongresa temo:*

Ĉefa temo: Azio kaj la 21a jarcento

Subtemoj: 1) Azia ekonomio kaj la 21a jarcento
2) Azia eduko, kulturo kaj la 21a jarcento
3) Azia Scienco, tekniko kaj la 21a jarcento
4) Azia Esperanto-movado kaj la 21a jarcento

#### 2.1.4 *Programoj:*

1) Solenaĵoj: Inaŭguro

| | |
|---|---|
| | Fermo |
| | Bankedo (por mendintaj kongresanoj) |
| 2) Laboraj kunsidoj: | Kunsidoj pri la kongresa temo |
| | Respondeculoj de Esperanto-organizaĵoj en Azio |
| | Azia movado |
| | Junulara movado en Azio |
| | Diskutoj por gvidantoj de Esperanto-kursoj en Azio |
| | Prelegoj: Esperanto kaj Luŝin, kaj Eroŝenko, kaj Elpin, kaj Verda Majo |
| | Kunsidoj por medicinistoj (UMEA kaj INA) |
| | Legantoj de *"El Popola Ĉinio"* |
| | Aŭskultantoj de Ĉina Radio Internacia |
| | Legantoj de *"La Mondo"* |
| | Turismo pere de Esperanto |
| | Komerca kaj Ekonomia Fakgrupo |
| | Esperanto en Sciencoj kaj teknikoj |
| | Aliaj fakaj kunsidoj |
| 3) Aliaj programeroj | Interkona vespero kun balo |
| | Akrobataĵoj |
| | Goo-amatoro |
| | Reformo kaj malfermo de Shanghai |
| | Bankedo kaj arta vespero |
| | Konversacio |
| | Duontagaj ekskursoj en la urbo |

A. Pontego Yangpu - Televida Turo Dong Fang Ming Zhu (Orienta Perlo) - Pontego Nanpu ĉe Huangpu Rivero

B. Ĝardeno Yuyuan - Templo de Jada Budho - Parko Lusin (Tombejo kaj Memorhalo de Lusin) - (Por koreoj: Malnova Oficejo de Provizora Korea Registaro en Shanghai)

### *2.1.5 Kongreskotizoj validaj*

La kotizo validas de la loĝlando de la aliĝanto laŭ jena grupigo:

A. Ĉiuj landoj: escepte de tiuj menciitaj ĉi-sekve sub B

B. Ĉiuj landoj de Azio (escepte de Israelo, Japanio kaj Korea Resp.); iamaj socialismaj landoj de Orienta Eŭropo; Afriko kaj Latina Ameriko.

C. Ĉinoj pagas per ĉina mono (RMB)

| | 1-a periodo ĝis 95-12-31 | 2-a periodo ĝis 96-04-31 | Ekde 96-05-01 |
|---|---|---|---|
| A | 100 US$ | 140 US$ | 160 US$ |
| B | 60 US$ | 100 US$ | 120 US$ |
| C | 250 RMB | 300 RMB | 350 RMB |

senpage aliĝas: Infanoj akompanataj de partoprenintoj
Nemalhaveblaj akompanantoj de handikapuloj

La kotizo ne estas repagebla, senkonsidere ĉu la aliĝinto ne povas partopreni la kongreson pro propra volo aŭ pro iu ajn ekstera kaŭzo, eĉ se la Kongreso ne okazas, aŭ okazas en alia urbo. La kotizo ne inkluzivas loĝadon, ekskursojn, bankedon kaj eventuale aliajn aparte pagendajn aferojn pri kiuj informoj kaj mendiloj aperas en la Dua Bulteno. La kotizo inkluzivas nenian asekuron.

***2.1.6 La Kongreson organizas:*** Ŝanhaja Esperanto-Asocio
Ŝanhaja Federacio de Sociscienca Asocio
Ŝanhaja Universitato pri Internaciaj Studoj

***2.1.7 Post-(Antaŭ)kongresa ekskurso***

1. Shanghai — Suzhou — Hangzhou — Ŝanhajo (5 tagoj)
2. Shanghai — Xi'an — Beijing (6 tagoj)
3. Shanghai — Hangzhou — Guilin — Guangzhou (7 tagoj)
4. Shanghai — Beijing — Qingdao (6 tagoj)
5. Shanghai — Beijing — Tianjin (6 tagoj)

***2.1.8 Se vi volas partopreni en la kongreso, aŭ se vi havas demandon pri la kongreso, turnu vin al Shanghai-a Esperanto-Asocio/*** 7-622 Huai Hai Zhong Lu, CN-200020 SAHNGHAI, Ĉinio. tel.: +86-21-63271917. fakso: +86-21-63272894

# 3. raporto pri la kunsido de Azia Agado en la Tamperea UK

1995-07-24, 12:00-14:00, ĉeestantoj: 50

**3.1 raporto de la hieraŭa fermita kunsido (07-23)**:ĉeestantoj: TAKEUTI Yosikazu, SYOZI Keiko, DAI Song-en, TAN Xiuzhu, MA Young-tae, CHOE Taesok

3.1.1 Renovigo de la mandato de KAEM: finiĝis la oficoperiodo de la ĝisnuna komisionanaro kaj landaj organizoj elektis jenajn personojn por la komisiono:

ZOU Guoxiang (poste DAI Song-en), WANG Jianbing el Ĉinio

TAKEUTI Yosikazu, SYOZI Keiko el Japanio

Puramo CHONG, MA Young-tae el Koreio

Inter si oni elektis s-ron Takeuti kiel prezidanton, s-ron Chong kiel sekretarion.

3.1.2 Oficoperiodo: trijara

3.1.3 Azia Kongreso okazas ĉiun trian jaron.

3.1.4 Oni nomumis s-inon DOI Ĉieko redaktoro de *"Esperanto en Azio"*, oficiala bulteno de la komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado.

3.1.5 Azia Projekto iniciatita kaj prizorgata de SO Gilsu, ĝisnuna UEA-estrarano pri Azia Agado: Leviĝis demando, ĉu KAEM daŭrigu la projekton. Kaj ĝenerala opinio estis pristudi ĝin kaj fari laborgrupon dum la Unua Azia Kongreso.

## 3.2 Pri la Unua Azia Kongreso DAI Song-en raportis:

Ŝanhajo estas lulilo de ĉina Esperanto-movado. Kaj tie estas forta Esperanto-movado. Urbaj instancoj bone kunlaboras por la kongreso. La preparado iras bonorde. Aperis jam la unua kongresa bulteno kaj aliĝilo. Ĝi okazos en 1996 aŭg. 22-25.

## 3.3 Raporto pri landaj agadoj

3.3.1 Hinda Unio: Hinda Esperanto-organizo estas 14-jara, kaj havas 5 filiojn. Ĝia centra oficejo troviĝas en Poona (Pune). Estas 700 membroj. Kvar miloj da esperantistoj estas kontakteblaj. La agado estas diversaj: okazigi kursojn perkoresponde, raporti agadojn ĵurnale, disvastigi Esperanton pere de socia agado kaj helpi kamparanojn. La 6a nacia kongreso okazos en la 7a-9a de septembro. En Hinda Unio estas 15 oficialaj lingvoj. Esperanto kreskas malrapide, tamen sane.

3.3.2 Irano: Dum kelkaj jaroj oni ne povis havi grandan aktivadon por Esperanto-movado pro la revolucio. Tamen laste iom ŝanĝiĝis situacio. Rilate al politika afero nun estas pli da libereco. Baldaŭ efektiviĝos oficialigo de la asocio. Oni multe artikolas pri Esperanto en ĵurnaloj en la persa lingvo. Junuloj volas lerni. Ĉiam okazas kursoj en Tehrano. Antaŭe gazetaro timis pri tio, ke Esperanto ligiĝas kun cionismo-propagando. Junulara Esperanto-Asocio eldonas sian organon kaj volas esti membro de TEJO.

3.3.3 Uzbekio: Plimultiĝis novaj interesatoj. En Taŝkento aktivas Esperanto-kluboj. Bone funkcias Internacia Muzeo por Paco kaj Solidaro kreita de esperantisto. Oni okazigos la Unuan Mez-azian Kongreson.

3.3.4 Pakistano: Esperanto bone kreskas en Pakistano, sed financa situacio malhelpas

bonan agadon. Multaj gejunuloj lernas Esperanton. Oni ofte havas kontakton kun ĵurnaloj. Mankas lernolibroj.

3.3.5 Kazaĥio: La Esperanto-movado ne tiom fortas. En Ural'ŝk oni instruas Esperanton al 40 infanoj.

3.3.6 Ĉinio: La politiko pri malfermiĝo de la lando alportis multon kaj influis ankaŭ al Esperanto-movado. Oni daŭre ricevas subtenon de la ĉina registaro pro la sukcesa UK en Pekino kaj la 5a Pacifika Kongreso en Ĉingdao, sed ne plu registaran subvencion. *"El Popola Ĉinio"* kaj *"Ĉina Radio Internacia"* vivas. Esperanto-Asocio fondiĝis en ĉiuj provincoj krom du. Ĉina Esperanto-Ligo nun havas 28 klubojn kaj 120 membrojn. En aŭtuno ĉi-jare okazos la 3a Ĉina Kongreso, kaj aŭguste la 14a KS en Tianjin. Lastatempe fondiĝis 5 fakaj asocioj. Nun oni preparas Azian Kongreson.

3.3.7 Koreio: domaĝe malaperis la revuo *"La Espero el Koreio"*, kiu dum 19 jaroj seninterrompe servis al la tutmonda esperantistaro. Aprile okazis tre sukcesa evento memore al Zamenhofa forpaso: Simpozio pri lingva problemo. Ĝin kunorganizis Korea Esperanto-Asocio kaj du prestiĝaj ne-esperantistaj organizoj: Korea Lingva Societo kaj Korea Fonetika Asocio. Ĉi-jare okazis vintra kaj somera kunloĝadoj, en kiuj respektive partoprenis 50 esperantistoj. Julie eldoniĝis la libro *"Zamenhof Malpravis en Kvieta Mateno"*, kiu entenas 29 rakontojn pri la Seula UK. La 27a Korea Kongreso okazos en la universitato Wonkvang, kiu apartenas al la religio ŭonbulismo, kies ĉefmajstro ĉi-septembre invitite prelegos ĉe la Unuiĝintaj Nacioj. Li intencas tiam deklari Esperanton komuna lingvo por la homaro.

3.3.8 **Taĝikio:** Estas etna milito. La Esperanto-movado inter blinduloj estas pli forta ol inter vidantoj. En la lando regas malsato. Mankas materialoj kaj lernolibroj. La asocio havas nenian rimedon por aktivigi la movadon.

3.3.9 **Japanio:** Oni diras, ke japana Esperanto-movado estas matura. Ĝi nek kreskis nek malkreskis. Japana Esperanto-Instituto mem lastjare organizis kongreson de japanaj esperantistoj, en kiu 595 partoprenis. Lokaj aranĝoj, Esperanto-kursoj viglis. Lastjare mecenato fordonacis seminariejon, kiun oni povas utiligi ankaŭ por la azia Esperanto-movado.

3.4 **Libera interŝanĝo de opinioj kaj informoj:** "UEA devas helpi al la azia agado. Lernolibroj estas tre gravaj por la Esperanto-movado." "En Aŭstralio oni devas lerni azian lingvon. Iu Universitato havis projekton: lernado de Esperanto halpas la studentojn lerni aziajn lingvojn. Tio multe sukcesis. Tial Esperanto nun estas instruata en kelkaj lernejoj. La movado sufiĉe bonstatas. Defio granda estas

preparo de la 82a UK." "Kvankam melfortas Esperanto-movado en Usono, ni volas interparoli kun koncernatoj, kiel ni povas konkrete helpi al mez-aziaj landoj." " Ruslanda Esperanto-Kongreso okazos en 6-8 de oktobro en Tjumen. Esperanta eldonejo tre aktivas en Rusio. Rusio apartenas parte al Eŭropo kaj parte al Azio. Do ni povas kunlabori kun esperantistoj de najbaraj aziaj landoj ankaŭ en la kampo de turismo." "Mi kelkfoje vizitis Vjetnamion. La lando estas ĝis nun fermita kaj izolita. La longeco de la lando malhelpas facilan kontakton inter enlandaj esperantistoj. Preskaŭ ne ekzistas kontakto kun eksterlandaj esperantistoj. Lastatempe japanaj kaj koreaj esperantistoj multe vizitis kaj renkontiĝis kun vjetnamaj esperantistoj. Helpe de ili kelkaj vjetnamaj espernatistoj havis ŝancon partopreni en la Seula UK. Financa situacio estas malfacila. Se vi volas korespondi kun vjetnamaj esperantistoj, kunmeti internaciajn respond-kuponojn estas tre utile por ili." "En Vjetnamio oni tradukis PIV-on, kaj volas eldoni ĝin, sed mankas mono. Se iu havas superfluajn librojn, sendu ilin al Vjetnamio. En Hanojo nun aktivas UNESPE: Uneska Esperanto-Klubo." "En Irano gimnazia lernolibro enhavis tekston pri Esperanto, sed poste ĝi estis elprenita. Granda bedaŭro."

# 4. *aliaj raportoj*

## *4.1 Esperanto-kurso en Bharato, kun granda sukceso*

La 10an de majo aperis en ĉiuj gravaj tagĵurnaloj de Bangaloro, ke Bangalora Esperanto-Centro okazigos senpagan kurson de Esperanto. Pli ol 100 homoj telefone demandis pri la detaloj de la kurso.

La kurso okazis de la 20a de majo ĝis la unua de junio. Ĉiutage en vespero dum unu kaj duona horoj oni lernis en la kurso.

Kun granda entuziasmo, la Esperanto-kurso komenciĝis en Nacia Kolegio. 75 homoj komencis la lernadon. La unua tago estis unika, ĉar s-ro Roberto Sorto el Argentino estis en Bangaloro tiam. Ni invitis lin al la inaŭgura tago. Li prelegis pri Esperanto-movado kaj kuraĝigis la lernantojn.

D-ro Ŝirdi Prasad Tekur, specialisto pri infanoj, malnova membro de Bangalora Esperanto-Centro, kiu havas grandan sperton en gvidado de kursoj al medicinaj studentoj, san-volontuloj, lerte gvidis la kurson. Li instruis gramatikon dum 6 tagoj.

La partoprenantoj estis el diversaj kampoj. Estis mondfama ekskriketisto B.S. Ĉandraŝekar.

En la dua semajno S. S. Pradhan gvidis la lernantojn en konversacio, tradukado,

legado en Esperanto.

Bangalora Esperanto-Centro ĝis la lasta kurso bezonis helpon de instruistoj el aliaj ŝtatoj de Bharato. Sed lastjare S. S. Pradhan partoprenis en la 79a UK en Seulo kaj ILEI-Konferenco kaj prelegvojaĝis en Koreio. Tio donis egan memfidon kaj sperton por gvidi kurson.

En la kurso s-ro Ramaswamy, esperantisto-radioamatoro, prelegis pri rilato inter Esperanto kaj radioamatoroj kaj montris praktikon.

En la fina tago, la unuan de junio, estis festa etoso. Ĉiuj estis venintaj en imponaj vestaĵoj. Okazis ekspozicio de Esperanto-afiŝoj kaj Esperanto-libroj en la koridoro de la kolegio. En ĝi ĉeestis redaktoro de monata revuo *"Catalyst"*. Por la unua fojo en Bharato, la revuo publikigis korespondan kurson de Esperanto. Ĉiuj gastoj parolis pri Esperanto, laŭdis Esperanton kaj ties utilecon.

*S. S. Pradhan / Bangalora Esperanto-Centro, 97. 24th Cross, 3rd Block East, Jayanagar Bangalore - 560,011, Hinada Unio*

## 4.2 Liaoning-a Esperanto-Asocio festis la 10an jariĝon

En la 9a-10a de junio, Liaoning-provinca Esperanto-Asocio (LEA) okazigis sian 10-jariĝan feston en la urbo Dandong najbare al norda Koreio. Pli ol 70 esperantistoj ĉeestis en ĝi. Koncernaj gvidantoj de la provinca registaro partoprenis en ĝi. Ĉina Radio Internacia (Pekino) speciale sendis raportistinon por intervjui nin. Dum la festo, ni okazigis junularan Esperantan oratoraĵon kaj organizis tri kunsidojn, 1) junulara laboro, 2) internacia ekonomia komerco kaj turismo, 3) Internacia scienc-teknika kaj kultura interŝanĝo. 36 esperantistoj estis honorigitaj. Okazis ankaŭ ekspozicio de Esperantaj libroj kaj gazetoj, kaj prelego de kuraco pri Qi Gong (Ĉi Gong). LEA speciale kore dankas Esperantajn organizaĵojn: UEA, TEJO, MT, IKEF, ĈEL ktp kaj esperantistojn el Brazilo, Francio, Belgio, Germanio, Hungario, Usono ktp pro iliaj gratuloj aŭ subtenoj. Krome antaŭ la festo LEA jam oficiale eldonis *"Kronikon pri Liaoning-a Esperanto-movado"*. LEA volonte kontaktas kun esperantistoj aŭ Esperantaj organizoj en la mondo.

WU Guojiang/ Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo CN-113008, Fushun, Liaoning, Ĉinio
tel.: +86-413-2331153. fakso: +86-413-2332207

## 4.3 Ekskurso kaj la jara kunveno de IREJO

Membroj de IREJO spertis unuan Esperantan ekskurson en la 29a de julio ĉi-jare. IREJO planas havi similajn ekskursojn ĉiujare en diversaj lokoj tra la lando.

La kvara IREJO-renkontiĝo, kiel jara ĉefkunveno, okazis en la 10a de aŭgusto en la IREJO-sidejo en Tehrano. En tiu ĉi kunveno partoprenis 15 esperantistoj. La programo

estis bone planita kaj treege plaĉis al ĉiuj. En tiu ĉi kunveno plenumiĝis elektado de nova estraro por du-jara periodo.

Irana Esperantista Junulara Organizo/ P.O. Kesto 17765-184, Tehrano-17, Irano. fakso: +98-21-363232

## 4.4 La 14a Komuna Seminario

En la 11-14a de aŭgusto en Tianjin, Ĉinio, okazis la 14a Komuna Seminario, kiun partoprenis preskaŭ 100 junaj esperantistoj de Koreio (35), Japanio (10), kaj Ĉinio. La ĉeftemo de la seminario estis "Junulo kaj Tradicia Kulturo".

Ses reprezentantoj prelegis pri la ĉeftemo en la inaŭguro kaj poste oni diskutis pri tio. Multaj same opiniis, ke junuloj devas unuaflanke heredi kaj disvolvi la eminentaĵojn de la tradicia kulturo kaj aliflanke kreive lerni de la avangardaĵoj de la moderna civilizacio por ke la patrina lando kaj la popolo plifortiĝu kaj riĉiĝu.

Trilandaj junuloj kune pasigis tri neforgeseblajn tagojn en Tianjin. Krom prelego kaj diskuto, ili vizitis la ĉinstilan tradician straton kaj la nutraĵo-straton, ekskursis al la Akvo-Parko, spektis ĉinan tradician arton kaj sin amuzis per kanto, danco kaj ludo en la amuzaj vesperoj.

Kun subteno de Ĉina Esperanto-Ligo kaj helpo de spertuloj de Japanio kaj Koreio, Ĉina Junulara Esperanto-Asocio kaj la junula sekcio de Tianjin-a Esperanto-Asocio kune organizis la trilandan Komunan Seminarion por fortigi kontakton, interŝanĝon kaj kunlaboron inter trilandaj junaj esperantistoj kaj disvolvi junularan Esperanto-movadon.

Iu japana esperantisto diris je la fino, ke la 14a Komuna Seminario en Tianjin estis interesa, sukcesa, signifoplena kaj neforgesebla. Li esperis, ke ĉiuj rerenkontiĝos en Japanio por la venonta Komuna Seminario.

raportis Sun Aijun, sekretariino de ĈJEA/ P.O. Kesto 77, CN-100037 Beijing, Ĉinio

*(red. similan raporton ni ricevis ankaŭ de HAN Zuwu, vicprezidanto de Tianjin-a Esperanto-Asocio. Koran Dankon!)*

# 5. sperto

***Mia Unua UK — en Koreio***

Antaŭe, kelkfoje, oni oferis flugbiletojn por inviti vjetnamajn esperantistojn. Tial nia forpasinta prezidanto Nguyen Van Kinh kaj la poeto Dao Anh Kha de VPEA jam povis partopreni en UK-oj.

Sed nun, tio ĉesis. Ĉi-foje, por partopreni en la 79a UK en Seulo, mi devis memstare elspezi. Laborinte tutspire kaj ŝparinte dum unu jaro, mi atingis la sumon, kiu permesis

min realigi mian revon: alproksimiĝi la tutmondan esperatistaron, vivi en internacia Esperantujo. Mi revis al la praktikeco, aplikado de Esperanto, ĉar mi povis kontaktiĝi kun nur malmultaj esperantistoj ĝis nun. Gravis mia brulanta deziro profundiĝi en pravecon de Esperanto.

Fratoj So bone helpis min por mia aliĝo. D-ro Puramo CHONG estis la unua, kiu akceptis min kaj k-don Long en la flughaveno Kimpo kaj gastigis min dum la unuaj antaŭkongresaj tagoj.

En la interkonatiĝa vespero, mi revidis kelkajn amikojn, kiuj jam vizitis mian landon. Ili tre ĝojis retrovi min. Mi renkontiĝis kun prof. John Wells, d-ro Ulrich Lins, s-ro Reza, s-ro SAIONJI Masayuki kaj prof. SO Gilsu, kiu interesiĝis pri mia vortaro.

La renkontiĝo estis pli ĉarma ol mi imagis. Ĉie koreaj esperantistoj helpe akceptis nin kun brakoj dolĉe malfermitaj. Oni deziris kontaktiĝi kun mia lando, kiu estis "izolita" en Esperantujo, laŭ onidiro.

En la kunsido de Azia Movado prezidita de prof. SO Gilsu, mi aŭdace parolis pri la situacio en Vjetnamio, la sukceso, la malfacilaĵoj pri la enkonduko de Esperanto en mian landon, kiu ruiniĝis pro la milito dum 30 jaroj. Reveninte al mia seĝo, mi ricevis donacon de s-ino MATUDA Hisako, veterana japana esperantistino.

Mi sentis min ravita kiam kun ĉirkaŭ 2,000 gesamideanoj el 66 landoj sendistinge de haŭtkoloro, religio, politiko kaj moro mi parolis en la sama lingvo, la internacia, Esperanto.

Troviĝis varmaj manpremoj, graciaj ridetoj, afablaj sintenoj, amplenaj rigardoj. Estis ankaŭ bonkoreco de gastamaj koreaj esperantistoj. Mi ne forgesas danki d-ron KIM Yung Myung, kiu ege prizorgis min dum mia tuta kongresa periodo.

Mi ĉeestis en "Tago de la paco" kaj "Tago de la lernejo". Ĉie mi rikoltis bonajn spertojn. La konversacia rondo estis tre interesa, bona rimedo por kuraĝigi komencantojn paroli Esperante.

Prof. SO Jinsu prezentis al mi s-inon Marija Beloŝevic, kiu ekzamenis min pri baznivela kapablo. Mi sukcesis en la ekzameno.

Dum la kongreso ni ankaŭ ekskursis. Ni vizitis 63-etaĝan domon, Panmunjon... Mi bone ĝuis bongustajn koreajn manĝaĵojn. Mi iom dancis en la Internacia Vespero.

Tuj post la UK, mi iris al Yongin-gun, je ĉirkaŭ 40 km distance de Seulo, por partopreni en ILEI-Konferenco en Kangnam Universitato. Estis 49 partoprenintoj el 28 landoj. Dank' al zorgema aranĝo de prof. SO Jinsu, mi povis senpage ĉeesti en la konferenco, kie mi multe spertiĝis pri edukado de Esperanto.

Mi prelegis pri la situacio de poresperanta movado en Vjetnamio, ekde 1932 ĝis 1994. Ni jam trapasis multajn malfacilaĵojn. Tial, ni ne povis kontaktiĝi kun pluraj landoj. Mi ankaŭ alvokis la tutmondan esperantistaron helpi nian junan bibliotekon.

S-ino TAHIRA Masako el Japanio donacis Esperantajn librojn al nia asocio. S-ino

N.C. Kulterman el Nederlando volonte helpis min paginte mian kotizon al ILEI. Ankoraŭ multaj aliaj geesperantistoj riĉigis la bibliotekon de nia Esperanto-asocio per diversaj esperantajoj.

Dum la konferenco, prof. SO Jinsu kondukis nin al ekskursoj "La Folklora Vilaĝo", kiu konservas ankoraŭ diversajn aziajn morojn kiel ĉe ni; Grandaj Montoj, kie troviĝis gigantaj statuoj de Budho. Li eksplikis pri ĉiu monumento kun klara konscio kaj kun iom da gracia ŝerco.

Ekskursoj estis tre bonaj por ni post streĉaj horoj de laboro. Ni povis nin delacigi, babili kaj plue konatiĝi unu kun la alia. Estis bonaj okazoj por pliprofundiĝi en korean civilizacion, arkitekturon, artojn de Seulo, kiu fieras estante ĉefurbo dum 600 jaroj kaj precipe kiu antaŭen marŝas en sia vigla Esperanta movado.

La dolĉa etoso de la granda Esperantujo donis al mi feliĉon. Mi povis interŝanĝi opiniojn kun homoj el diversaj landoj. Mia prelego povis iom konigi mian landon al alilandanoj, kiuj ĝis nun ne profunde sciis pri ni.

Malgraŭ ĉio, mi ja ĉerpis plurajn spertojn kaj fruktojn dum la 79a UK kaj ILEI-konferenco.

Mi devis atendi aviadilon. Tial s-ino KIM Uson tre bonkore gastigis min dum tri tagoj. Ŝi skrupule prizorgis min, regalis min per bongustaj koreaj manĝaĵoj kaj kondukis min al la Reĝa Placo.

Ĉarmis min koreaj pejzaĝoj. Plaĉis al mi la lando kaj la popolo. Mi konservos en mia animo profundan dankemon al ĉiuj kiuj helpis min...

*Feniksa, Hoang Minh Phung/ 25-3 Truong Dinh Q3, HOCHIMINH, Vjetnamio*

## 6. okazos

*la 5a IAKSTE*

La 5a Internacia Akademia Konferenco pri Scienco kaj Tekniko en Esperanto okazos en somero kaj aŭtuno de 1996 en Pekino.

La temo: 21a jarcento, nova periodo de scienc-teknika evoluo

Enhavo:

1. Akademia Simpozio pri nova koncepto de scienco kaj altscienc-tekniko (2-8 de septembro)
2. '96 Ekspozicio de monda scienc-teknika esplorfruktoj kaj negoca kunveno pri teknika interŝanĝo kaj varbado de komercistoj kaj investistoj (2-8 de septembro)
3. Internacia kurso de akupunkturo kaj masaĝo (2-23 de septembro)
4. Internacia Somera Kampadejo en Esperanto por geknaboj kaj infanoj (15-21 de julio)

Por detala informo turnu vin al s-ino Wang Yuchun, Esperanto-Asocio, Academia Sinica, 52 Sanlihe, 100864 Beijing, Ĉinio

# 7. informoj

## 7.1 "Riveroj", interkultura revuo el Japanio

*"Riveroj"* estas nova Esperanta revueto, lanĉita antaŭ du jaroj, aperas en ĉiu sezono kaj ĵus atingis la 10an numeron.

Kvankam la revuo estas 40-paĝa, malgranda kaj modesta, ĝi prezentas legaĵojn pri variaj temoj verkitaj en Esperanto: ne nur literaturaj, sed ankaŭ sociaj, sciencaj, belartaj, historiaj kaj aliaj; verkitaj ne nur de japanaj esperantistoj, sed ankaŭ de aliaj aziaj samideanoj.

La redaktoro, MINE Yositaka, celas ne nur progresintojn, sed ankaŭ progresantojn, kaj por tio klopodas uzi laŭeble pli facilajn vortojn kaj pli klarajn esprimojn. Ankaŭ la eldonisto YOSIKAWA Syôiti, uzas pli grandajn literojn kaj literspacojn, ĉar, li opinias, malgrandaj literoj kaj densaj paĝoj timigas novajn samideanojn.

Se vi havas leteramikon en Japanio, demandu ŝin aŭ lin pri ties afablo aboni la revuon por vi.

Petu provnumeron de la eldonejo, sendante 2 irk.: "Riveroj"/ Oosaka-si, Tyûô-ku, Morinomiyatyûô 1-9-18-403, JP-540 Japanio

## 7.2 Ĉinaj infanoj deziras havi internacian kontakton kun amiketoj

Esperanto-Asocio de Ĉina Akademio de Sciencoj fondis la infanan Esperanto-kurson en la tria elementa lernejo de Zhongguancun en Beijing, kun plena helpo de la gvidantoj de la lernejo. La kurso komenciĝis en la 17a de julio ĉi-jare. Instruisto Shen Chengru instruas Esperanton per bildoj, objektoj, kantoj, ludoj kaj similaj manieroj. 45 infanoj, de 7 ĝis 9-jaraj, fervore lernas Esperanton en la kurso. Ili deziras korespondi kaj renkontiĝi kun amiketoj en kaj ekster Ĉinio en ne tre malproksima estonteco, ekz. unue korespondi kaj poste renkonti en julio 1996 dum la Internacia Geknaba Esperanta Somera Semajno en Beijing. Interesatoj havu kontakton kun Esperanto-Asocio de Ĉina Akademio de Sciencoj/ 52 Sanlihe, Beijing 100864, Ĉinio.

## 7.3 Eldoniĝis gvidlibro pri "Esperanto-Movado en Azio"

La longe atendata gvidlibro pri *"Esperanto-Movado en Azio"* estis finfine eldonita ĉi-jare kiel memoraĵo de la 82a Japana Esperanto-Kongreso, kiu okazis en 13-15 de oktobro en Jokohamo. Ĝi enhavas historion kaj nunan staton de la movado en Azio. Troviĝas ankaŭ adresoj, telefon- kaj faks-numeroj de ĉefaj esperantistoj kaj Esperanto-organizoj. Ĝi enhavas ankaŭ mapojn. Entute 90 paĝoj en la formato A5.

Mendo: "Mevo-Liborj"/ Jokohama Esperanto-Rondo, Saido 1-18-14, Koonan-ku, JOKOHAMO, 233 Japanio

prezo: 600 enoj (+sendokosto: 250 enoj en Japanio, 230 enoj eksterlanden per ŝipo)

Al esperantistoj en aziaj landoj krom Japanio kaj Koreio ni planas sendi senpage, se UEA konsentos pagi sendokoston. Do, baldaŭ vi enmanigos la gvidlibron.

# 8. historio – Liaoning, Ĉinio

## LEA En Malfacila Evoluado Zigzaga

La 9-a de junio 1995 estos la 10-a datreveno de Liaoning-provinca Esperanto-Asocio (LEA). En la pasintaj 10 jaroj, LEA kaj sukcesis kaj malsukcesis, tamen ĝi jam fariĝis nedividebla parto de Ĉina Esperanto-movado (ĈEM). El jena raporto vi probable ion trovas.

Liaoning-a provinco troviĝas en nordoriento de Ĉinio, t.n. unu el la nordorientaj provincoj. Antaŭ la jaro 1985, eĉ pli frue, jam multaj e-istoj aktivis en la urboj Shenyang, Dalian, Jinzhou, Fushun, Anshan k.t.p. Montriĝis al ni, ke kelkaj veteranaj e-istoj ludis gravan rolon en Liaoning-a Esperanto-movado (LEM). S-ro Zhang Jiasheng (1911.03.20 - 1993.04.22) estis unu el la plej eminentaj esperantistoj ne nur en LEM, sed ankaŭ en ĈEM. Li okupiĝis pri instruado kaj disvastigo de Esperanto dum 60 jaroj, kaj partoprenis en tradukaj laboroj de ĉinaj gravaj, ekz. *"Elektitaj Verkoj"* de Mao Zedong kaj *"Verkaro"* de Lusin, li estis ankaŭ unu el ĉefredaktoroj de *"Ĉina Esperanta Vortaro."* Li ĉefredaktis unuan Esperantan eldonaĵon en LEM *"Liaoning Gvidlibro"* kaj unuan Esperantan lernolibron en Liaoning-a provinco *"Esperanto"*. Prof. Shao Rong persistadas en E-disvastigo, kaj instruo en altlernejoj kaj okupiĝo pri Esperanta terminaro. Li honore ĉeestis Jubileon de centjariĝo de Esperanto dum la 72-a UK en Pollando. Ankaŭ S-ro Huang Yun, emerita instruisto, longe laboras en kamparo por Esperanto. Iam li piediris dudek aŭ tridek kilometrojn por instrui unu lernanton. Tamen li ofte renkontis nekomprenemon pri Esperanto: Oni eĉ ĵetis malestiman rigardon al li. Malgraŭ tio, li

ankoraŭ instruis pli ol 200 da lernantoj. Dank' al lia penado du gubernioj (Xi Feng kaj Chang Tu) kaj urbo (Tieling) oficiale havas siajn E-asociojn. Ĝis nun li ankoraŭ agadas en fora kamparo de Liaoning-a provinco. Ankaŭ estis diligenteco kaj penado de multaj esperantistoj kiel la supre menciitaj personoj, kiuj firme fundamentigis fondon de LEA.

Depost fondigo de LEA en la 9-a de junio 1985, LEM eniris prosperan evoluan etapon. Liaoning-provinca registaro tre subtenas LEM-on, ekz. en 1986, speciale monliveris en la fortiga Esperanto-kurso por akcepti vizitantojn antaŭ aŭ post la 71-a UK en Pekino. Aliaj lokaj registaroj ankaŭ helpis tiean Esperanto-movadon. Laboroj de LEA estis evidentaj: Por festi jubileon de centjariĝo de Esperanto, LEA presis amason da Esperantajn poŝtkartojn kaj establis organon de LEA *"Verdstelo"* (1987). LEA funkciigis unuan provincan radio-televidan Esperanto-kurson en Ĉinio kune kun provinca radio-televida stacio (1988). Antaŭ aŭ post tio, Shenyang-a Esperanto-asocio dufoje elsendis kurson de Esperanto en la urba televida stacio; Jinzhou-a Esperatno-Asocio dissendis kurson de Esperanto en la urba radio-stacio. Tiu kunefiko tuj kontinue formis la varman tajdon de lernado de Esperanto en la tuta provinco (Esperanto 1988/62-63, Esperanto 1989/63-64). La tajdo vekis grandan atenton, i.a. s-ro Lawrence Walker, usona ekonomia konsulo ĉe usona konsulejo en Shenyang vizitis LEA, s-ro Adi Ignatius, raportisto de The Wall Street Journal, speciale venis de Pekino por intervjui LEA. En tiu periodo pli ol 20000 personoj anoncis sin por kursoj. Alfronte pliiĝon de junaj esperantistoj, LEA helpe fondis Liaoning-an Junularan Esperanto-Asocion (LJEA) (1990) kaj establis Esperantan ĵurnalon por junuloj *"Stelo de Nordlando"*.

Enirinte la 90-ajn jarojn, granda ŝanĝo okazis en Ĉinio kaj ekfunkciis la sistemo de la socialisma merkata ekonomio. Tio ege atakis ĈEM. Plejparto de lokaj asocioj en Ĉinio tuj perdis financan subtenon, eĉ kelkaj bankrotis aŭ stagnis. LEA ne estis ekster tio. LEM draste falis. Tre malmultaj personoj plu vizitis kursojn organizitajn de LEA kaj ĝiaj urbaj filioj, kompare kun kursoj de la aliaj fremdlingvoj, la angla, franca, japana, germana k.t.p. Multaj el ili havis komunan opinion, ke Esperanto tre malfacile kondukis ilin al akiro de praktika efiko pro sia limiĝo de apliko kaj manko de uzmedio (Esperanto 1993/11), ekz. en Ĉinio, Esperanto nemulte estis uzita en ekzamenoj de fremdlingvoj por promociiĝo de posteno. Oni ekdubas, ĉu Esperanto povos esti uzata en la estonteco. Krome, laŭ la ŝtataj koncernaj reguloj kaj pro streĉo de financo, LJEA ne eblis agi kiel individua unuo, kaj devige fariĝis sekcio de LEA. *"Verdstelo"* ankaŭ fariĝis de gazeto de la filio (ĝis nun).

Alfronte tian situacion, LEA neunufoje kunvene diskutis pri tio. Rezulte oni havis plian klarecon, ke LEA ne havis ajnan vojon nur krom sinapogo sur propraj fortoj por supervivo. Poste, LEA kolektis monon inter siaj membroj por fondi ekonomian grupon, nome, Shenyang Verdstela Kompanio. La fondigo de la kompanio alportis esperon por LEM kaj iom post iom LEA elturnis sin de barakto en streĉo de financo pro tio. Sume la kompanio elspezis pli ol 2000 juanojn (RMB) por LEM spite al tio, ke ĝi havis bon-

malbonan ekonomian efikon. S-ro Wang Renhu, prezidanto de LEA kaj la kompanio, diris, ke fondiĝo de la kompanio celis garantii LEM en la stabile evoluanta etapo. Nuntempe la kompanio havas fabrikon kaj kompleksan servon, nome, Verdstela servo . (Libroj, gazetoj, tajpo, kopio, traduko, cigaredo, vino, sukero, teo kaj ĉiutagaj varoj).

LEA en la pasintaj 10 jaroj atingis rimarkindajn sukcesojn: kelkmil personoj aliĝis al LEA, dek kelkaj el ili membriĝis en internaciaj organizaĵoj UEA, TEJO, SAT, MT, AIS San Marino kaj ofte kontaktiĝis kun IKEF, UMEA kaj Unesko-agado. Unu membro estis elektita komitatano (B) de TEJO (Wu Guojiang) kaj du membroj fariĝis delegitoj de UEA (Shao Rong kaj Wu Guojiang). Sub granda subteno de ĉiu flanko de la socio, dek kelkaj anoj de LEA ĉeestis UK-ojn (71, 72, 73, 76, 77, 79). LEA dufoje prezidis seminariojn pri evolua strategio de ĈEM (1992, 1993). LEA kaj ĝiaj urbaj filioj sume eldonis 8 Esperantajn librojn. Lastatempe LEA decidis kompili kaj eldoni Liaoning-provincan Historian Kronikon pri Esperanto-movado. Helpe de Japana Klubo de Esperantista Radio-amatoro (JKERA), LEA establis unuan Postlaboran Radian Stacion (per Esperanto) kaj ĝis nun ankaŭ estas sola postlabora stacio en Liaoning. Fondiĝis ankaŭ la unua konsulta telefono pri Esperanto en Ĉinio. En la urbo Liaoyang, tiea asocio realigis Esperantan servon ĉe telefona informo de Liaoyang Buroo de Poŝto kaj Tele-komunikilo. Krome popularigo de Esperanto jam fruktis en elementaj lernejoj en la urbo Dandong, nuna parto de ĉefforto de tiea movado venas el la elementaj lernantoj antaŭ 9 jaroj. Dek kelkaj altlernejoj havas duonoficialajn aŭ oficialajn Esperanto-kursojn. LJEA restartos ek de la 9-a de junio kiel individua unuo.

Ankaŭ indas mencii rezultojn de Esperanto-apliko en la tuta provinco: Pli ol 100 personoj promociiĝis je altrangaj postenoj per Esperanto. S-ro Li Changtuo instruis ĉinan Wushu (Ŭuŝu) en Esperanto dum la 73-a UK kaj estis tiel aplaŭdita, por ke fondiĝu Internacia Esperantista Wushu-Asocio (IEWA) kun helpo de alilandaj esperantistoj. S-ro Gao Chongcai, doktoro pri osto en Fushun-urbo, ankaŭ per Esperanto disvastigis al la mondo multgeneracie heredatan recepton de sia familio, "Sprono-forigilon" (algluebla plasto), kiu ĉefe kuracis osteinan hiperplazion kaj elstarigon de la interaĵoj de lumbaj vertebroj (Tutmonda Sciencoj kaj Teknikoj 1944/ N-ro 3, 51-52). S-ro Saburo Yamazoe, ĉefredaktoro de Medicina Internacia Revuo de UMEA en kelkaj leteroj altlaŭdis faron de s-ro Gao. Esperantistoj en la urboj Shenyang, Dalian, Fushun havas plian amikecan interŝangon kun tiuj en la ĝemelaj urboj de alilandoj, i.a. speciale Esperanta turisma linio sukcese fondiĝis inter Shenyang kaj Tokio (Japanio). LEA ankaŭ devas danki s-ron UMEDA Yosimi, eksvicprezidanto de UEA, s-ron So Gilsu, nuna estrarano de UEA pro iliaj multfojaj vizitoj, kiuj iagrade akcelis LEM.

Nun LEA havas pli kompletajn mekanismojn. Ĵus pliiĝas du funkciaj departamentoj, nome, Esperanta apliko en scienco kaj tekniko (s-ro Yang Yide respondecas) kaj Esperanta turismo kaj komerco (s-ro Wu Guojiang prezidas). Ni volonte kontaktiĝas kun

persono kaj grupo kaj interŝanĝas pri ĉiu temo. Ni havas sufiĉan preparon kaj pli freŝan kuraĝon en la estonteca LEM. Ni ankaŭ kredas, ke LEA ludos rolon ne nur en Ĉinio, sed ankaŭ en Azio, eĉ en la mondo kaj novaj sukcesoj certe atendos nin, ĉar "ni laboras por justa mondo por egalrajteco kaj digno sur kampo inter homa komunikado." (Esperanto 1995/1).

*S-ro Wu Guojiang*
*estrarano de LEA*

*Fushun Shiyouyichang Yanjiusui, CN-113008 Liaoning, Ĉinio. Telefono: (0413)2331153, Telekso: 819005 FNOR CN, Telefakso: (0413)2332207.*

# 9. ricevitaj organoj

## 9.1 IREJO-Bulteno n-ro 10 (Aŭgusto-Septembro 1995) kaj n-ro 11 (Oktobro-novembro 1995)

eldonanto: Irana Esperantista Junulara Organizo
adreso: P.O. Kesto 17765-184, Tehran-17, Irano
ĉefgvidanto: M. Reza Torabi

El ili ni povas ekscii, ke la organizo festis duan jariĝon kaj ke baldaŭ fondiĝos Irana Esperanto-Asocio, kiu estos registrita ĉe la Ministerio pri Enlandaj Aferoj.

## 9.2 "ESPERANTO EN SINGAPURO"

la monata bulteno de la Esperanto-Asocio (singapuro), n-ro 47 junio 1995
adreso: Tanjong Pagar P.O. Box 0634, Singapore 9108

El ĝi ni ekscias: nova prezidantino estas s-ino Wong Oj Kuan. En marto vizitis Singapuron s-ino Itagaki kaj aliaj el Japanio, kaj ges-roj Ralph kaj Gwenda Sutton el Nov-Zelando survoje al Japanio, kie ŝi instruos Esperanton.

# 10. korektoj

De s-ino Le Tuyet Thanh el Vjetnamio ni ricevis leteron pri korekto de la skribaĵoj en n-ro 19 de *"Esperanto en Azio"*:

n-ro 19, p. 18 -19 "Aktivuloj en Vjetnamio"

(s-ro) Nguyen Van Kinh: Fondinto de la Esperanto-Asocio en Vjetnamio (VPEA) ekde 1956. Li jam agadis por Esperanto ekde 1930, kaj akcelis la vjetnamojn lerni Esperanton dum la rezistado kontraŭ la franca invado. Famkonata de la monda

esperantistaro, li estis elektita kiel Honora Prezidanto de MEM (Mondpaca Esperanto-Movado). Li agadis por Esperanto de 1930 ĝis sia morto en 1982 (sed ne de 1956 ĝis 1966 kiel presita). La celo de VPEA ne estis nur por defendi pacon. S-ro Nguyen Van Kinh estas la animo de la Esperanto-movado en Vjetnamio. Kvankam fondinto de la Esperanto-Asocio de Vjetnamio (VPEA), li ne akceptis titolon de prezidanto. Oni elektis lin Honora Prezidanto de VPEA. La unua prezidanto de VPEA estis Nguyen Duc Quy, eksvicministro por Kulturaj Aferoj, jam forpasinta. La artikolo presita nur malaprezas la valoron de la respektplena samideano Nguyen Van Kinh.

(s-roj) Nguyen Van Dien, Dang Tran Thiet, Nguyen Quang, - inkluzive min ankaŭ... Tio ne estis preciza.

Speciale pri Tran Dinh Quyen: Li ne estis fondinto de la Esperanto-lernejo de Hochiminh-urbo. Sed nia Esperanto-Asocio multe penis por starigi tiun lernejon kaj poste enmetis Tran Dinh Quyen kaj du aliajn esperantistojn en funkcio de lernejestraro por prizorgi la lernejon. Lia laboro trafas multajn malfacilaĵojn, kiujn li ankoraŭ ne povas solvi. Oni ne devas troigi la veraĵon.

Le Tuyet Thanh/ 25-3 Truong Dinh Q3 TP. HOCHIMINH, Vjetnamio. tel. +84-8-297618. fakso: +84-8-391196

*(red. Pri la eraroj ni ricevis leteron ankaŭ de s-ro Nguyen Van Dien. Ni pardonpetas vin pro tio ke la eraraj skribaĵoj ofendis vjetnamajn esperantistojn.)*

## 11. kontribuoj

Post la raporto en n-ro 19 ĝis la 12a de oktobro jenaj personoj kontribuis por la azia movado sume 19,500 enojn:

ASAMI Masako, ISOBE Hiroko, ITOO Joriko, KOBAJAŜI Kajoko, Mijazaki Esperanto-Societo, ONDA Hiromasa, OOHARA Takaŝi, OŜIOKA Moritaka, UENO Kacuhiro

Ni elkore dankas al la kontribuintoj.

**•Parolas la redaktantoj:** Antaŭ 10 tagoj finiĝis la 82a Japana Kongreso en nia urbo Jokohamo, por kiu ni laboradis energie. Postmorgaŭ ni ekvojaĝos por partopreni en la 27a Korea Kongreso. Do, morgaŭ ni devas presi ĉi tiun bultenon por porti al la Korea Kongreso. Eksiĝis d-ro SO Gilsu de la estraro de UEA pri Azia Agado, al kiu ni dankas pro lia granda laboro. De antaŭ unu jaro laboras KAEM, al kiu ni esperu je pli efikaj laboroj. Ni laboru kaj esperu same kiel d-ro Zamenhof! (1995-10-24)